# BELGA ESPERANTISTO

44a Jaro - N-ro 4a - Julio 1952

DUMONATA REVUO, OFICIALA ORGANO
DE
REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA
Asocio sen profita celo,
aliĝanta al UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO

Socia Sidejo : 106, rue Général Lotz, Bruselo



Ĉefredaktoro :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno




(Vidu klarigon sur la 2 at koverta paĝo.)



# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

106, rue Général Lotz, Bruselo

— ASOCIO SEN PROFITA CELO —

Statutoj : *Moniteur Belge - Belgisch Staatsblad,* n-ro 115, 27 Junio 1936.

## HONORA KOMITATO

S-ro Frans VAN CAUWELAERT,
Prezidanto de la Deputitaro.

S-ro J. VAN HOUTTE,
Ĉefministro, Deputito.

S-ro Achille VAN ACKER,
Eksĉefministro, Deputito.

S-ro Robert CATTEAU,
Vic-Prezidanto de la Senato, Skabeno de Bruselo.

S-ro Lode CRAEYBECKX,
Urbestro de Antverpeno, eksministro, Deputito.

S-ro Georges MAZEREEL,
Senatano.

S-ro Georges MICHELET,
Honora Direktoro de la Komerca Ĉambro de Bruselo.

La kliŝo sur la unua koverta paĝo prezentas al ni : supre, du grupojn da Bruĝaj gemembroj (la supra kun gvidantoj de la Ligo, inter kiuj la Kongresa Prezidanto kaj ankaŭ Pastro J. De Maeyer), malsupre, parton de la Kongresanaro, fotografita okaze de la flordemeto ĉe la monumento al la Militmortintoj.

*(Pruntedonitaj de « Burgerwelzijn » kaj « Brugs Handelsblad ».)*



BELGA ESPERANTISTO
OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

44a Jaro | Julio 1952 | N-ro 4a

# Nia 36ª Belga Kongreso de Esperanto

Nia 36a Belga Kongreso iĝis ne nur granda sukceso, sed ankaŭ granda festo de frateco inter la grupoj kaj de amikeco inter ĉiuj partoprenantoj.

Kaj la plej bela raporto povos nur parte respeguligi la verajn kaj profundajn impresojn, kiujn la kongresanoj kunportis al sia hejmo post la tri kune pasigitaj tagoj.

Por tamen doni ideon pri la atmosfero en kiu disvolviĝis la kongreso, ni donas ĉi sube ekstrakton el la letero, kiun nia redaktoro ricevis de S-ro Charles Elliott, el Croydon (Anglujo), unu el la fremdlandanoj, kiuj ĉeestis la kongreson :

« Kiel gasto ĉe la 36a Kongreso de Reĝa Belga Ligo, mi ĝuis spertojn, kiujn mi longe » konservos kun plezuro, kaj sentas fortan deziron esprimi miajn dankojn al membroj, kiujn » mi renkontis, speciale al la Bruĝanoj, por memoro kiu fariĝis unu el miaj trezoroj.

» Dum la resto de mia Esperanta vivo, nome, mia tuta vivo, mi sekvos la fortunon de » Reĝa Belga Ligo, kaj de la geamikoj, kiujn mi trovis en via 36a, kun simpatio kaj samideana » kunsento.

» Ĉu la vivo povas proponi ion pli belan ».

### Al Bruĝo

Kelkaj kongresanoj jam frumatene, aliaj tuj post la tagmeza horo kaj iuj rekte de la laborejo, direktis sin en plej bela humoro al la diversaj stacidomoj por vojaĝi al Bruĝo, urbo de nia 36a.

En Bruĝo mem preskaŭ ĉiuj jam konas sian vojon, ĉu pro antaŭa turista vizito, ĉu, por la plimulto, pro antaŭaj kongresaj vizitoj.

Preskaŭ ĉiuj ankaŭ konas la Hotelon « Cornet d'Or - Gouden Hoorn », kie, de tiom da jaroj jam, regule kunvenas nia bruĝa sekcio, kiu nun festos sian oran jubileon kaj kie nun funkcias diversaj L.K.K.-anoj, kiuj helpas la alvenintajn kongresanojn. Inter ili ankaŭ estas F-ino Is. Van Parys, la kasistino de la L.K.K., kiun oni en flandra lingvo, nomus *« duveltje-doet-al »*, kaj kion ni esperantlingve tradukos per la *« anĝeleto-ĉion-prizorginta »* ...kaj bone prizorginta, kiel atestos elokventaj voĉoj je l' fino de l' Kongreso.

### Kunsido de Belga Esperanto-Instituto

Dum falas de apuda turo brua sonorado, la Administranto-Prezidanto

---

En 1953a

# Beneluksa Kongreso en Antverpeno

**Kiel niaj legantoj ekscios per la raporto de la lasta administrantara kunsido de R.B.L.E., la 37a Belga Kongreso pli ol verŝajne nè okazos en Lieĝo, kiel antaŭvidite, sed en Antverpeno, en la kadro de granda Beneluksa Kongreso.**

de nia Koopera Societo « Belga Esperanto-Instituto » S-ro Maur. Jaumotte malfermas la jarkunsidon de tiu societo, dum kiu li aprobigas la bilancon kaj la kalkulon pri profito kaj perdo rilate al la jaro 1951-52, kiun la interesatoj trovos sur alia paĝo en tiu ĉi numero.

Li kvitigas la administrantojn kaj la komisarojn pro la plenumo de ilia mandato ; reelektigas S-ron Edgard De Coster, kiel administranton kaj elektigas S-ron Charles Poupeye, kiel komisaron.

Je la 4a 20, li fermas tiun ĉi laŭleĝan kunsidon.

**Laborkunsido**
**de Reĝa Belga Ligo Esperantista**

Post paŭzo de dek minutoj kaj akurate je la 4a, 30, je l'miro de multaj enveníntoj, residiĝas en la prezidantan seĝon, S-ro Jaumotte, vicprezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista, kiun ĉirkaŭas diversaj estraranoj.

Li komunikas, ke li kun bedaŭrego antaŭ nelonge, ricevis informon, laŭ kiu S-ro Paul Kempeneers kaj lia edzino estas malhelpataj ĉeesti la Kongreson kaj li proponas, ke telegramo de simpatio estu sendata al la Prezidanto.

Li tuj transdonas la parolvicon al S-ro Poupeye, la vigla prezidanto de la jubileanta Grupo kaj la prezidanto de la L.K.K. Tiu ĉi bonvenigas ĉiujn en plej koraj vortoj kaj donas kelkajn informojn pri la evoluo de la kongresarangôj.

Post kelkaj pliaj komunikoj de la Kongresa Prezidanto, kiu insistas pri akurateco, por ke la tuta programo povu disvolviĝi en plej bela harmonio, S-ro Jaumotte enkondukas priparolon de la Kongresa temo « Esperanto kaj Turismo ». Li proponigas ankaŭ diversajn temojn por la kongreso de proksima jaro.

Laŭvice F-ino Obozinski, el Bruselo, S-ino Vrielynck, el Bruĝo kaj S-ro Morris De Ketelaere, el Antverpeno, pritraktas tiun ĉi temon laŭ diversaj aspektoj : la unua, rakontante tre trafajn ekzemplojn de utileco kaj precipe de agrableco de la esperanta kono dum eksterlandaj vojaĝoj ; la dua, priparolante la temon ĉefe rilate al la urbo Bruĝo, kiu eldonis novan turisman folieton, kaj la tria, kunmiksante la diversajn aspektojn kaj klopodante eltiri el ili konkludon ; nome ke, laŭ pluraj manieroj, ni povas helpi al la uzigo de Esperanto kaj akiri el ĝi mem efektivan utilecon.

La tri parolintoj akiris tre gravan sukceson.

Tiam sekvis la oratora konkurso, juĝota de S-ro Castel, prezidanto de la juĝantaro. F-ino Maria Jacobs, membrino, kaj S-ro Carlos Braet, anstataŭanta membro.

Malfeliĉe, estis nur unu kandidatino, la gajnintino de la premio en pasintjara konkurso, F-ino Henny De Ketelaere, el Antverpeno, kiu, unufoje pli, prezentis sian tekston tre lerte ; sed kiu prezentis samtempe tre lertan tekston, vigle kunmetitan kaj en kiu ŝi klare evidentigis la kialojn, kiujn ŝi kaj ni havas por daŭrigi nian batalon por Esperanto.

Gratulojn al ŝi direktis S-ro Jaumotte kaj ankaŭ S-ro Castel, kiu bedaŭris ke, pro la fakto ke estas nur unu kandidato, la pridiskuto, fare de la juĝantaro, iĝas sencela.

La Prezidanto tiam fermis la kunsidon.

**La Balo**

La Kongresa balo en salonego « Tabarin » estis enkondukata de S-roj Jaumotte kaj Poupeye kaj daŭris en la plej bonaj kondiĉoj ĝis malfrua horo.

Pro la sukceso, la L.K.K. eĉ estis

# Reĝa Belga Ligo Esperantista, a. s. p. c.

## ADMINISTRANTARA KUNSIDO

La administrantaro kunsidis la 5an de julio 1952, en Bruselo.

**Financoj.** — Raporto de la kasistino estas aprobita. La situacio estas kontentiga.

**Esperanto-Semajno.** — Dum la unua semajno de septembro okazos speciala propagando, por prepari malfermon de kursoj, kiuj komenciĝos dum la dua semajno.

**Nacia kongreso en Bruĝo.** — La administrantaro gratulis la lokan komitaton pro la laboro farita, kaj pro la sukceso akirita. La financa rezulto ankaŭ estas favora.

**Kongreso 1953.** — La administrantaro decidas organizi, je Pentekosto 1953, komunan kongreson kun L.E.E.N. (nederlanda landa asocio) kaj Flandra Ligo. Tiu kongreso okazos en Antverpeno. Tiel estos evitata okaziĝo de du esperantaj kongresoj samtempe en du belgaj urboj, fakto nekomprenebla de la ĝenerala publiko, kiu malfavore estas impresata.

**Junulara sekcio.** — S-ro Pilloy estas komisiita prizorgi tiun sekcion ; li estos delegito de la Ligo por la rilatoj kun T.J.O.

**Universala Kongreso en Oslo.** — La administrantaro komisias diversajn membrojn reprezenti ĝin en la oficialaj aranĝoj.

**Unesko.** — La prezidanto informas la administrantaron ke la demando pri internacia lingvo estos sur la tagordo de la venonta ĝenerala konferenco de Unesko. La ĝenerala sekretario estas komisiita interrilati kun la membroj de la komisiono por Unesko en la belga ministerio por Publika Instruado kaj havigi al ili plej multajn informojn pri Esperanto kaj nia movado.

La administrantaro denove kunsidos la 13an de Septembro 1952.

J. S.

---

devigata prokrasti la antaŭviditan fermhoron por ne malplaĉi al la multaj dancemaj kongresanoj kaj ankaŭ al la multaj help-kongresanoj, ne-esperantistoj, kiuj tamen alkutimiĝintaj al la sukceso de la Bruĝaj Esperanto-baloj, ankaŭ petis enirrajton por tiu ĉi.

Je la 24a horo okazis, kiel kutime en la preskaŭ plena mallumo la meznokta danco, post kiam S-ro Poupeye anoncis ke adjutanto Roger Jaumotte, filo de la Kongresprezidanto, ekde la 1-a de julio, — do ekde la jus forpasinta momento —, pro Reĝa Ordono, iĝis rezerv-oficiro ; li lin gratulis, same kiel liajn gepatrojn kaj tio estis okazo por varmaj aplaŭdoj kaj bonsanigaj glas-malplenigoj.

### LA DIMANĈA TAGO

**Diservo kun Esperanta prediko**

En la Baziliko de la Sankta Sango kunvenis, akurate je la 9a, multaj kongresanoj por ĉeesti la Di-servon, speciale rezervitan al la katolikaj partoprenantoj.

Dum tiu ĉi Di-servo, Pastro J. De Maeyer eldiris belan predikon en plej pura Esperanto kaj, fine, aŭdiĝis orgenludita « La Espero ».

**Oficiala Akcepto en la Urbdomo**

Kunvenintaj sur la Burg, ĉiuj kune eniris la Urbdomon, kie la Kongresanoj estis akceptataj en la « Gotika Salono », de la Urbestro mem, S-ro Van Hoestenberghe.

S-ro Poupeye prezentis la Kongresanaron.

Poste la Urbestro bonvenigis ĉiujn, memorigis la diversajn antaŭajn akceptojn en tiu ĉi sama salono kaj ankaŭ la meritojn de la diversaj prezidintoj kaj de la nuna prezidanto.

Per ĉiuj detaloj, kiujn li donis pri ĉies aktiveco, la Urbestro montris ke li vere, paŝo post paŝo preskaŭ, sekvis la vivon de la jubileanta Grupo. Li antaŭ niajn okulojn alvokis la figurojn de S-ro Witteryck, la pioniro kaj fondinto de la Grupo; de S-ro Delvaux, kiu kun fervoro reprenis la standardon ; de F-ino Thooris, kiun multaj ankoraŭ konas, kiu estas malhelpata ĉeesti, sed kiu tamen al la Urbestro skribis leteron, kiun tiu ĉi antaŭlegis ; kaj de S-ro Poupeye, kiu post la milito, kun kuraĝo prenis sur sin la taskon restarigi la morttrafitan grupon kaj renovigi la movadon en Bruĝo.

S-ro H. Sielens tradukis la flandran paroladon de la Urbestro kaj ankaŭ ties kelkajn francajn vortojn de simpatio speciale direktitajn al niaj valonaj amikoj. Tiu ĉi tre lerte farita traduko estis komprenebla ne nur por la Kongresanoj... sed por la Urbestro mem kiu tion speciale atestis.

S-ro Jaumotte, kiel Kongresa Prezidanto, dankis la Urbestron pro la honoro, farita, al la Kongresanoj, sed precipe tamen pro la plezuro esti ree akceptataj en tiu ĉi bela urbdomo de la Urbo Bruĝo, kiu por la belga Esperantistaro havas tutspecialan signifon kaj allogon.

Por ĝi, Bruĝo ne nur estas la Venecio de la Nordo, ĉiam vizitinda ; ĝi estas ankaŭ kaj precipe la lulilo de la Esperanto-movado en nia lando. Se ĉiuj memoras pri Bialystok, kie nia Majstro en 1859 naskiĝis, ĉiuj ankaŭ memoras pri Bruĝo, kie, — unua kaj preskaŭ sola, — S-ro Witteryck havis la kuraĝon por la unua fojo kunigi tiujn, kiuj jam iomete lernis



**A. J. WITTERYCK**
**Prezidinto-Fondinto**

nian lingvon ; kiuj ĝin eble nur balbutis, sed kiuj iĝis la unua kolono, sur kiu, kelkajn jarojn poste, konstruiĝos Belga Ligo Esperantista.

Varme sonis la aplaŭdoj honore de la Bruĝa Grupo post la entuziasmigaj vortoj de la Kongresa Prezidanto.

**Solena Kongreskunsido**

La Urbestro tiam tuj forlasis la salonon kaj S-ro Jaumotte, ĉirkaŭata de S-ro Poupeye, prezidanto de la L.K.K. ; de S-ro Cl. Vandevelde, kiu ĝis antaŭ kelka tempo plenumis la funkcion de ĝenerala sekretario ; de S-ro Sielens, kiu akceptis lian heredaĵon ; de S-ino J. Plyson, kasistino, kaj de S-ro Soyeur, sekretario, malfermis la solenan kongreskunsidon.

Ree la Kongresa Prezidanto diris bonvenigan vorton al tiuj kongresanoj, kiuj alvenis nur dimanĉmatene ; li poste legis la multajn leterojn kaj telegramojn alvenintajn el en- kaj eksterlando de multaj simpatiantaj membroj, amikoj kaj institucioj. Li samtempe senkulpigis D-ron Kempeneers kaj transdonis la parolvicon al S-ro Soyeur, sekretario.

# Belga Esperanto-Instituto

Koopera Societo

**Bilanco je la 31a de marto 1952a**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Magazeno . . . . . . | 63.971,49 | Socia Kapitalo . . . . | 83.000,00 |
| Kaso, Poŝtĉeko, PM . . | 22.296,97 | Laŭleĝa rezervo . . . . | 4.000,00 |
| Kooperantoj-Akciuloj . . | 26.492,99 | Eksterordinara rezervo . | 23.000,00 |
| Klientoj-ŝuldantoj . . . | 10.584,00 | Amortizo . . . . . . | 6.000,00 |
| Statutaj deponoj . . . | 3.700,00 | Kreditoroj . . . . . . | 5.347,51 |
| | | Dividendoj pagotaj . . . | 84,00 |
| | | Statutaj deponintoj . . . | 3.700,00 |
| | | Saldo : | |
| | | profito antaŭa . 2.315,26 | |
| | | perdo nuna . . 401,32 | |
| | | | 1.913,94 |
| | 127.045,45 | | 127.045,45 |

**Kalkulo de profito kaj perdo**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Generalaj elspezoj . | 2.324,00 | Saldo de antaŭaj jaroj . | 2.315,26 |
| Amortizo . . . . . . . | 5.500,00 | Magazeno . . . . . . | 5.107,42 |
| | | Perdo . . . . . . . | 401,32 |
| | 7.824,00 | | 7.824,00 |

---

Tiu ĉi legis la raporton pri la jaro 1952, en kiu estas skizitaj tre komplete kaj detale la laboro farita de la Ligo ; raporton jam presitan en la antaŭa numero de nia revuo.

Kiel prezidanto de la Fondaĵo Jennen, S-ro Jaumotte tiam anoncis, ke la juĝa komisiono decidis ke la premio estonte ĉiam estos havigata al la Grupo plej meritplena laŭ membrovarbado. Tiucele estos organizata konkurso simila al tiu de U.E.A. por la landaj asocioj.

Por la nuna jaro tamen la Komisiono decidis aljuĝi la premion eksterkonkurse al la Bruĝa Grupo, honore de ties ora jubileo. Kaj S-ro Jaumotte transdonis koverton al S-ro Poupeye, kiu dankis pro la honoro kaj promesis firman daŭrigon.

Tiam sekvis la honorigo de S-ro Vandevelde, pro la multaj servoj faritaj de li al la movado ĝenerale per lia senĉesa laboro en Gento kaj speciale ankaŭ pro tiuj faritaj al la Ligo, post la milito, kiel ĝenerala sekretario.

S-ro Jaumotte legis leteron de S-ino De Rycke, el Gento, en kiu plej kortuŝe estas sumigataj la servoj faritaj de la Genta Prezidanto kaj li aldonis kelkajn pliajn korajn vortojn, kaj tiam transdonis al S-ro Vandevelde, kiu rifuzis pli ampleksan honorigon, simplan diplomon de la Ligo.

Estis emociiga momento, kiam ambaŭ la Kongresa Prezidanto kaj la Genta Prezidanto enbrakiĝis.

Belajn florojn transdonis ankaŭ S-ro Jaumotte al S-ino Vandevelde, kiu kiel ĉiam ĉeestas la Kongreson kaj kiu ĉiam helpis sian edzon en la plenumo de liaj taskoj kaj ofte eĉ, per tradukoj, partoprenis en la laboro de la Ligo.

F-ino Henny De Ketelaere estis invitata rediri sian paroladon de la

antaŭa vespero kaj ĝuis pro tio rean belan sukceson. Kiel temo por 1953a estis tiam akceptata : « La Ruĝa Kruco kaj Esperanto ».

Monkolekto sekvis, kiu akiris al la Liga Kaso pli ol 1.500 frankoj, dum la varbado por la Honora Kolono de la Kongreso 1953a estis prokrastata ĝis la vesperfesto.

**Fotografado kaj Flordemeto**

La Prezidanto tiam fermas la kunsidon, ĉar alia Kongreso devas ankaŭ kunsidi en la sama salono.

Post mallonga vizito de la Urbdomo, la Kongresanaro estas fotografata sur la stuparo de la Provinca Palaco. Poste ĉiuj, sekvantare kaj kun la flago de la Bruĝa Grupo antaŭe, direktis sin al la monumento al la Militmortintoj, kie S-ro Jaumotte demetis florojn kaj kie ĉiuj vizitis la kripton.

**La Festeno**

Kaj jam estis tempo por iri al « Cornet-d'Or - Gouden Hoorn », kie estis okazonta la Kongreso a/Festeno.

Ĉe la bela per floroj ornamita honortablo — la floroj estis ensenditaj de F-ino Thooris, — sidis S-ro Jaumotte, kun dekstre de si S-ino Poupeye, S-ro Soyeur kaj S-ino F. Staes kaj maldekstre S-ino Plyson kaj S-ro Poupeye.

Ĉiuj ĝuis la bonegajn manĝojn. Sur la menuo estis menciataj : Salmo en gelatenaĵo; Tartara saŭco; Kremsupo « Argenteuil »; Pasteĉeto kun fungoj; Rostita bovidaĵo laŭ Viena maniero, Terpomoj fritaĵetaj ; Kuko ; kaj ĉiuj volonte atestos ke ĉio estis perfekte organizita.

Ĉe la toasta horo, la Kongresa Prezidanto trinkis je la bonfarto de la Reĝo kaj tiam sekvis diversaj mallongaj alparoladoj : de S-ro Castel al la Sinjorinoj, kun respondo de S-ino Groothaert ; de S-ro Morris De Ketelaere al la eksterlandaj gastoj kun sprita respondo de S-ro Ch. Elliott kaj



La Kongresanoj fotografitaj antaŭ la Provinca Pala[co] kun la Prezidanto de la L.K.K.

aldoneto de S-ro Giloteaux; de S-ro Soyeur al la L.K.K. pro la bonega organizo de la Kongreso, kun danko de S-ro Poupeye.

Kaj preskaŭ tuj sekvis en la plej entuziasma atmosfero, la festado de la Bruĝa Grupo mem okaze de ĝia ora jubileo.

S-ro Jaumotte memorigis pri la antaŭ nelonge okazinta arĝenta edziĝjubileo de Ge-roj Poupeye kaj, en propra nomo, transdonigis de sia edzino belajn florojn al S-ino Poupeye.

S-ro Vandevelde, prezidanto de la Genta Grupo, ĉirkaŭata de kelkaj gentaninoj, transdonis tiam al la prezidanto de la Bruĝa Grupo, belan florpoton, dum S-ro Jaumotte, nome de « La Verda Stelo », metis sur la tablon



...gula kvadrato : La Kongresa Prezidanto, S-ro Jaumotte, ...bileanta Grupo, S-ro Poupeye.
*(Pruntedonita de « Brugse Courant ».)*

grandan, belan, ornamitan « gong » on, kiu, — flanke de la flago donacita de « La Verda Stelo » antaŭmilite —, daŭre montros al la membraro de la Bruĝa Grupo la simpation, kiun ĝi ĝuas ankaŭ ekster la urbo.

Nome de Belga Ligo li ankaŭ transdonis belan florgarbon al S-ino Poupeye, sed tiu lasta petis sian edzon transdoni tiujn ĉi al F-ino Is. Van Parijs, kiu vere plej multe laboris por la organizo de tiu ĉi bela kongreso.

Tio estis okazo por S-ro Poupeye, transdoni al ĉiuj L.K.K.-anoj individue la laŭdojn, kiujn ĉiuj meritas kaj kiujn ĉiufoje substrekis longa aplaŭdo.

Sed la Bruĝanoj inter si volis ankaŭ honorigi unu la alian kaj la vicprezidanto S-ro Groothaert tre lerte tion faris. Li ne nur legis interesan historion de la Bruĝa Grupo tra tiu duonjarcento, sed ankaŭ aplaŭdigis la nomojn de du plej malnovaj laborantoj, S-ro Poupeye kaj F-ino Boereboom, kiuj ambaŭ ricevis belajn memorigilojn pri tiu neforgesebla tago.

Tiel finiĝis, en plej harmonia, familia atmosfero, tiu ĉi plej bone sukcesinta festeno.

## La Festvespero

Multajn festvesperojn la kongresanoj jam ĉeestis en antaŭaj kongresoj.

Malofte nur ili havis okazon vidi tiel bone prizorgitan programon :

Unue la Bruĝa teatra sekcio prezentis teatraĵon laŭ nacilingva teksto de S-ro H. Vrielynck : « La Historio ne plu rekomenciĝu »... kaj en kiu la historio de Bruĝo kaj tiu de la Esperanto-grupo de tiu ĉi urbo estis tre lerte miksataj.

S-ro Jozef Decoster estis studento kaj esperantisto, kiu tre dece plenumis la rolon de la parolanto, kiu devas fakte prezenti la tezon.

Li trovis en F-ino Yol. Van Parys tre simpatian korespondantinon, kiu fine lin honorigis per vizito. Kaj S-roj Groothaert, Verplancke kaj Carlos Braet zorgis por la prezentado de diversaj reprezentantoj el antaŭaj tempoj : arbarestro de Flandrujo, mezepoka komercisto kaj centjarulo.

Estis artplena prezentado, kiu ĝuis tre meritan sukceson.

La teatra sekcio de « La Verda Stelo » el Antverpeno prezentis siavice du teatraĵojn : unue, skeĉon de F-ino Hélène Hofkens : « En Venecio ».

Tiu ĉi senpretenda, sed tre amuza ludo havis la saman sukceson kiel, pasintan jaron, la verketo de la sama aŭtorino : « Leciono en la jaro 2000 ».

S-ro Peelman parole kaj kante aplaŭdigis sin, dum F-inoj Meule-

mans kaj Henny De Ketelaere, S-ino Bernaerts kaj S-ro Aalders prezentis fremdlandajn geesperantistojn : anglino, finnino, svisino, franco... kiu serĉis kongresamatinon, dum S-ro Hubert Peeters estis amuziga nigrulo.

Poste venis la tre bela kaj emociiga « Bietje » de Maurits Sabbe, en la bona traduko de D-ro Van der Biest. Tiu ĉi teatrajeto estis jam prezentata antaŭ multaj jaroj, diversfoje kaj nome kun profesiaj aktoroj, kiel F-ino Marguerite Bertryn kaj S-ro Jef De Waegenaere.

Estis iom riska por teatramatoroj, kiuj neniam ludis antaŭe teatrajojn, iri al Kongreso kun tia programo.

Ni diru tamen ke S-ro Roger Jaumotte, kiel Jean Baptiste, S-ro Jules Verstraeten, kiel Paĉjo Monne, lia frato, kaj F-ino Clara Peeters, kiel Bietje, lia baptofilineto, prezentis la teatrajon en plej bonaj kondiĉoj, kaj ke tiu ĉi lasta, kiel la aliaj, plene meritis la florojn, kiujn S-ino Jaumotte havigis al ŝi kiel personan honorigon.

En la Belga Kroniko, oni trovos kelkajn pliajn detalojn pri la prezentado, kiu okazis de tiu verketo en Antverpeno mem.

Kune kun tiuj ĉi geaktoroj bruĝaj kaj antverpenaj ni gratulas la geaŭtorojn S-ron Vrielynck kaj F-inon Hofkens ; la suflorinojn, nome tiun ĉi lastan kaj S-inon Vrielynck, kaj F-inon Meulemans, kiu malantaŭ la scenejo zorgis por la klavcenakompanado... kaj aliaj detaloj.

### Vizito al la lumigita Bruĝo

Kaj akurate je la deka la aplaŭdoj estis rekompencintaj la ludantojn kaj ĉiuj tiam foriris, en la nokto, por pieda kaj poste boata vizito al la lumigitaj kajoj kaj konstruajoj malnovaj de Bruĝo.

Tio ne bezonas raportadon. Ĉiuj multe ĝuis la belajojn jam konatajn, sed tamen pli klare videblajn de Bruĝo la mortinta, kiu nun vere kvazaŭ renaskiĝis el siaj cindroj, kiel la Fenikso, kaj kiu aperis al ĉiuj pli viva, pli bela ol iam.

### La Lunda ekskurso

Kaj lunde matene belaj aŭtocaroj atendis ĉiujn sur la Granda Placo kaj komenciĝis bela veturado laŭ la pentrinda Damme al Knokke, Zoute ĝis la nederlanda landlimo, kaj poste al Zeebrugge, kie oni vizitis la marhavenon kaj kie oni haltis dummomente.

Tiam sekvis la laŭirado al ĉiuj marbordaj lokoj : unue ĝis Ostendo kaj poste ĝis Nieuwpoort, kie, en la Hotelo « Belle Vue », okazis la tagmanĝo, bone prizorgita. S-ro Jaumotte, kiel Kongresa Prezidanto diris tie ĉi lastan dankvorton al la Bruĝanoj por la bona organizo kaj la tiel afabla akcepto.

S-ro Poupeye dankis, kaj post kiam oni estis iomete kune kantintaj, li antaŭenkondukis sian karavanon. Laŭ Oost-Duinkerke al Koksijde, al la ruinoj de la Abatejo en la Dunoj, kiujn oni vizitis, kaj al De Panne kaj Adinkerke, kie ni estis akceptataj en la instalajo « Meli » de malnova samideano S-ro Ghesquière, kiu montris la ekspoziciojn, la zoologian ĝardenetón kaj la diversajn amuzajojn de tiu ĉi entrepreno.

Poste la karavano iris al Veurne kaj, laŭ Gistel, al Bruĝo, kie okazis, kiel ĉiam iom melankolie, la disiĝo.

Sed ĉiuj, la Bruĝanoj kiel la vizitintoj estis kontentegaj pro la belaj kune pasigitaj tagoj kaj la plena sukceso de la 36a estos tre certe la plej bona garantio por tiu de la 37a por kiu jam enskribiĝis 66 membroj en la honora kolono, kiun ni presos en la proksima numero, kune kun la nomoj de la lastaj aliĝintoj al la 36a.

B. E.

NIA VOĈO ORGANO DE LA JUNULARA SEKCIO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA —

2a Jaro Julio 1952 N-ro 4a

# Paŝo post Paŝo en Esperanto 5.

Ni en nia ekzerco pristudis la § 11, 13 15 kaj 17 de la « Fundamento de Esperanto ». Ni klarigis al ni ĉiufoje la uzon de la « n » de klareco.

Ni ja lernis dum nia elementa Esperanto-kurso, ke oni uzas la « n » de klareco :

A. por indiki rektan komplementon · *li amas siaN patroN*

B. Ĉe neuzo de prepozicio, por indiki :

1e — direkton, almovon : *mi iras ParizoN* (al Parizo)
*li iris en la ĉambroN* (al en la ĉambro)

2e — daton, tempodifinon : *la 25aN de aŭgusto.*
*mi venos vendredoN*

3e — daŭron : *mia vojaĝo daŭros tri semajnojN*

4e — mezuron, prezon, k.t.p. : *tiu libro kostas cent frankojN.*

* * *

Ni nun devas aldoni kelkajn aliajn sciindajojn pri la « n » de klareco :

1e Fakte (krom en okazo de rekta komplemento) oni do uzas la « n » de klareco anstataŭ uzi prepozicion. Tamen ni ĉiam pensu pri la fakto, ke « n » de klareco povas troviĝi apud prepozicio, ĉar oni ne uzas iun duan prepozicion :

Ekz. : *Li iris en la ĈambroN* anstataŭ *Li iris al en la ĉambro.*

2e Ĉar la prepozicioj *AL* kaj *ĈIS* enhavas en si la sencon de almovo, de direkto, oni neniam uzas « n » de klareco post ili :

Ekz. : *Mi iras al Parizo* aŭ : *Mi iras ParizoN*
sed neniam : *Mi iras al ParizoN*

3e Oni do devas meti nerektan komplementon (kun prepozicio) en akuzativan formon, *ne* uzante la prepozicion :

Ekz. : *La knabo obeas siaN patrinoN* anstataŭ : *La knabo obeas al sia patrino*

4e Oni ne povas fari tion, se oni, en la sama frazo, havas ankaŭ veran, rektan komplementon.

Se do unuflanke ni povas skribi aŭ diri :

*Li pardonas malamikoN* anstataŭ : *Li pardonas al malamiko* ni aliflanke devas skribi :

*Li pardonas al malamiko liajn ofendojn*

kaj nemiam : *Li pardonas malamikoN liajN ofendojN*

5e Tamen, kiam temas pri akuzativo pro almovo, tempo, daŭro, k.t.p., ni povas trovi tiajn komplementojn kune kun vera rekta komplemento :

Ekz. : *Li metas la ĈapeloN sur siaN kapoN*

6e La akuzativo post « kiel » por novuloj ofte estas problemo.

Sufiĉas ke oni pripensu momenton pri la ĝusta signifo kaj oni facile scias kion fari :

Ekz. : *Kiel prezidantO, li ordonis ke oni organizu feston*
(= En sia kvalito de prezidantO, li ordonis...)
Sed : *Oni elektis lin kiel prezidantoN*
(= Oni elektis lin, kiel oni elektas prezidantoN)

* * *

Ekzerco : 1e Legu la § 19, 21 kaj 23 (lasta parto de « La Feino ») kaj

denove klarigu ĉiufoje la uzon de la « N » de klareco.

2e Faru same pri la § 18.

3e Post du aŭ tri semajnoj, jam revidu kion vi studis antaŭe pri la uzo de « SIA ».

H. S.

## VERDA SEMAJNO

**Pro decido de la administrantaro de Reĝa Belga Ligo Esperantista, la diversaj grupoj kaptos la okazon de la VERDA SEMAJNO, kiun ĉiuj organizos je la sama momento, por tutspeciale propagandi por nia lingvo.**

**La ĉiutagaj ĵurnaloj ricevos de nia gazetara servo specialajn komunikojn, sed la grupoj per paroladoj, komencigo de kursoj k.c. helpu kiel eble plej multe al la sukcesigo de tiu VERDA SEMAJNO.**

ANTVERPENO

### Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »

*(Poŝtĉeknumero : 726.54)*

La 9an de majo, S-ino R. Lecat parolis pri « Bahaismo kaj Esperanto ». Ŝi tre lerte klarigis la celon kaj evoluon de « Bahaismo » kaj skizis ĝian rolon rilate al Esperanto.

La 16an okazis la inaŭguro de la grupa flago en la kadro de amuza vespero. Multaj membroj ĉeestis, kiam S-ro Jaumotte mallonge skizis kial La Verda Stelo ne ankoraŭ posedis flagon kaj nun ĝin akiris dank' al la instiga laboro de la festestrino : F-ino H. Toussaint. Ŝi tute sola verkis belegan flagon, kiu pendas ĉe la muro. Li donacis al ŝi florojn, pro kiuj ŝi per kortuŝitaj vortoj dankis. La amuza parto de tiu vespero estis tre rimarkinde prizorgata de S-ro Balleux.

Ĵaŭdon, la 22an, S-ro Jaumotte ĉion klarigante gvidis tutan karavanon de esperantistoj tra la urba parko, kie okazis la Ruĝa Kruca turniro de unua helpo kaj vundflegado. Tre sukcesplena iniciato precipe je propaganda vidpunkto por nia lingvo.

La 23an S-ro Van Eynde denove prezentis al ni interesajn filmojn kun la surprizo de unu sonfilmo tre ŝatata de la ĉeestantoj.

La 30an, okazis la solena diplomdisdono al la gelernintoj de la printempa elementa kurso.

F-ino De Keyser tre rimarkinde, nome de la lernintoj, dankis la profesoron-prezidanton, dum S-ro Mor. De Ketelaere poste varme dankis lin ankaŭ nome de la grupo. S-ro Verhoeven deklamis tre lerte plurajn poeziaĵojn. F-ino M. Hofkens parolis pri la kandidatoj de la internacia muzika konkurso starigita de Ŝia Reĝina Moŝto Elisabeth. S-ro Verstraeten prelegis pri siaj spertoj kun unujara infano.

Dum la 31a de majo, la 1an kaj 2an de junio, nia grupo vigle partoprenis al la Nacia Kongreso en Bruĝo pri kiu oni povas legi pli detalan raporton je alia loko.

La 6an, tutspeciala vespero estis organizata en la salono « Cecil », Van Arteveldestraat, por rea prezentado de la teatraĵoj « En Venecio », de Helene Hofkens, kaj « Bietje », de M. Sabbe, kiuj jam estis ludataj dum la Nacia Kongreso en Bruĝo. Tiamaniere la nekongresintoj povis ankaŭ ĝui la plezuron de tiuj teatraĵoj. Samtempe F-inoj Van der Weken kaj H. Hofkens, S-roj Sielens kaj Peelman raportis pri la tri ĉeftagoj, kiujn ni trapasis en Bruĝo. Dankvorto de la Prezidanto kaj floroj donacataj al F-ino Cl. Peeters, kiu tiel gracie ludis la rolon de « Bietje », konkludis tiun tre belan vesperon, pro kiu ĉiuj kunhelpintoj, sur kaj malantaŭ la scenejo meritas laŭdojn.

La 13an, S-ro Balleux enkondukis diskutvesperon pri « La granda purigado ». La aktualeco de tiu temo igis plurajn membrojn partopreni en tiu diskuto, kiu montris ke la opinioj de la sinjorinoj kaj sinjoroj multe diferenciĝas.

La 20an, la verdstelanoj faris sian ĉiujaran viziton al la antverpena kermeso kaj ĝuis agrablan vesperon.

Dimanĉe la 22an, tuta aŭtoĉaro kun bonhumoraj membroj faris agrablan surprizekskurson tra la antverpena provinco. La ĉelceloj estis vizito al la frenezulejo de Geel,

la festa sekvantaro en Mehleno kaj je la vespero, sub gvidado de S-ro Jaumotte, vizito al la fabriko « Usinos », kie oni fabrikas artefaritajn sterkaĵojn kaj kie poste en la oficejoj la partoprenantoj estis akceptataj kaj regalataj per ĉampanvino. Ĉe speciala toasto je l'honfarto de S-ino Jaumotte, S-ro Verstraeten nome de ĉiuj ĉarme dankis la afablajn gegastigantojn. Ĉiu konservos bonan memoron pri tiu dimanĉo.

La 27an, estis farata teoria ekskurso tra la urbo kun la celo alkutimiĝi al la tasko de gvidado de fremduloj tra Antverpeno.

**Programo de la venontaj kunsidoj**

Ĉiuvendrede en « Witte Leeuw », Frankrijklei, je la 20a 30 :

*Aŭgusto* : la 1an : parolata jurnalo ; la 8an : Libertempaj raportoj ; la 15an : pro la festotago ne okazos kunveno : eventuale ekskurso ; la 22an : raporto, pri la Universala Kongreso en Oslo ; la 29an : libertempaj raportoj.

*Septembro* : la 5an : parolata jurnalo : la 12an : Parolado de S-ro M. Jaumotte pri : « Romo, antikva, religia kaj moderna » ; la 14an : (dimanĉe) : ekskurso al Gento gvidata de S-ro G. Vermandere (eventuale aŭtobuse); la 19an : Promenado tra la urbo, gvidata de S-ino Bernaerts ; la 26an : Amuza Vespero, gvidota de G-roj De Naeyer.

*Oktobro* : *la 3an* : Parolata jurnalo.

Ni atentigas pri la malfermo de nova elementa kurso tre verŝajne la 14an de septembro en la lernejo de Belgiëlei. Sed speciala cirkulero ankoraŭ atentigos pri ĝi.

BRUĜO

**Bruĝa Grupo Esperantista.**

*(Poŝtĉeknumero : 48.33.33)*

La lasta monato antaŭ nia nacia kongreso estis plejparte uzata al ĝia preparo, ankaŭ parto de la mardaj kunvenoj estis dediĉata al la provludado de la kongresa teatraĵeto. Tiam sekvis tiuj memorindaj Pentekostaj tagoj pri kiuj estas detale raportata aliloke. Sama raportado okazis, komprenoble buŝe, dum la unua postkongresa kunveno de la 3a de junio, kiun ĉeestis ankaŭ Sro Eliott, el Croydon. Dum tiu de la 10a de junio, estis reprovata esperanta kartludado kaj dum tiu de la 17a de junio, kiu escepte ne okazis en la sidejo, sed en « Tabarin », S-ino Vrielynck-Hubrecht bonege refaris sian kongresan paroladon pri « Esp. kaj Turismo ». Ŝparkaso por la venontjara nacia kongreso estis reorganizata. La kunveno de la 24a de junio estis dediĉata al esperantaj kantoj kaj dum tiu de la 1a de julio, S-ro G. Groothaert esprimplene antaŭlegis la Legendon de la Reĝino Astrid, tekston de li tradukitan dum 1935, post nur unu jaro da esperantisteco.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**

Ordinara kunveno : ĉiumarde, je la 20a, en la sidejo : « Gouden Hoorn - Cornet d'Or », Simon Stevinplaats.

*Septembro* : 2an : Parolata gazeto ; 9an : Malfermo kaj unua leciono de nova kurso por komencantoj.

Ĉiu grupano aldonu sian personan propagandon al la bona efiko de la pasinta kongreso por alkonduki novajn gelernantojn. — Je la 21a horo : Portretludado.

La unua horo de ĉiu sekvanta kunveno estos dediĉata al leciono de la nova kurso. La ĉi-suba programo koncernas do la duan horon :

16an : Kartludado ; 23an : Humoraĵoj ; 30a : Kanta vespero.

Oktobro : 7an : Parolata gazeto ; 14an : Portretludado ; 21an : Legado de teatraĵo ; 28an : Kanta vespero.

Dum oktobro okazos la unua balo de la nova vintra sezono. La dato estos fiksata pli poste.

BRUSELO

**Esperantista Brusela Grupo.**

*(Poŝtĉeknumero : 12.30.48)*

La kunsidoj okazis regule kaj estis kontentige vizitataj.

Kelkaj prelegoj estas speciale rimarkindaj. S-ro Swinne parolis la 12an de majo pri : « Militrezistantoj ». Li pritraktis la temon el diversaj vidpunktoj (religia kaj filozofa). Li montris ke tiu temo estas vere sociala problemo, kiu estos diversmaniere komprenata

ĉe kelkaj popoloj. Post la fino de tiu vere tre interesa prelego ekestis vigla diskuto.

Plue rimarkinda estas la prelego de S-ino Elly Staes, kiu parolis la 26an de majo pri « Damme en la XVa jarcento kaj hodiaŭ ». La prelego estis speciale interesa pro la fakto, ke ekskurso al Damme estis aranĝata en la kadro de la Bruĝa kongreso.

La 9-a de junio estis destinita al la raporto pri la landa kongreso en Bruĝo.

Plue okazis la 16an de junio prelego de F-ino Kestens pri malnova Bruselo. Tuj poste la grupo vizitis sub la gvidado de F-ino Kestens malnovan kvartalon de Bruselo, kaj la promenado trovis sian finon en agrabla kunesto en ege malnova trinkejo, trinkante bonan glason da « Kricken-Lambic » kaj gaje kantante.

Fine devas esti menciata la perfektiga kurso de S-ro Vander Stempel, kiu okazis la 26an de majo kaj la 23an de junio. Ĝi estis la lasta leciono en tiu sezono, kaj nia kora danko iras al nia tiel sindonema samideano S-ro Vander Stempel, kiu senbrue kaj modeste ĉiam plenumas sian laboron, tiel kontribuante al la progreso de niaj gemembroj, donante parton de sia kono. Nome de la grupo, la prezidanto transdonis al li libron kiel rekompencon por lia laboro.

## Programoj de la estontaj kunvenoj :

Ĉiulunde, je 20 h. 30. Ejo : « Brasserie St-Martin », Place du Grand Sablon, 38, Grote Zavelplein.

*Julio* : La 7an, Parolata ĵurnalo ; la 14an, S-ino Ernst « Novelo » ; la 21an, Nacia festo, ne okazos kunveno ; la 28an, S-ro Verdier « Sciencaj kuriozaĵoj ».

*Aŭgusto* : La 4an, Parolata ĵurnalo; la 11an, S-ino Elly Staes : « Amuza Vespero »; dimanĉon, la 17an, vizito de la Eksperimenta Botanika Ĝardeno de la Brusela Universitato. Kunveno je la 14a, Ch. de Wavre, 1850 (apud Rouge-Cloître - Tramoj 25, 31, 35); la 18an, S-ro Vander Stempel : « La suferoj de granda scienculo »; la 25an, raportoj pri la Universala Kongreso en Oslo.

*Septembro* : La 1an, Parolata ĵurnalo; la 8an, S-ro Jacobs : « Nova Universala Kalendaro » D-ro Kempeneers : Pri akvokulturo (preparo al la vizito de la 14a de septembro); Dimanĉon, la 14an, vizito de la Botanika Instituto Leo Errera; kunveno je la 11a, Av. Paul Heger, 28 (Solbosch); la 15an, S-ro Everaerts : « La estonto de niaj pensionoj estus certigata se... »; la 22an, S-ino Stern : « Alfonso Daudet »; la 29an, S-ro Verdier : « Vizito al Tono ».

## ANONCETOJ

— S-ro Albertino Alves de Almeida, rua Caetés, 203, Belo Horizonte, Brazilo, 27jara fraŭlo, deziras interŝanĝi ideojn kun gefraŭloj. Skribas esperante, angle, france, itale, hispane kaj portugeze.

— Franca esperantisto deziras korespondi kun belga esperantisto kiu interesiĝas pri la lingva demando en la eŭropa armeo.

Li skribu al S-ro Léon Agourtine, administrateur de 4ème classe, S.P. 50.368, B.P.M. 606, Francujo.

---

## El la Esperantista Familio

### *NEKROLOGO*

Al Sinjorinoj Viane-Vanden Berghe kaj Verbeke-Vanden Berghe, fidelaj membrinoj de la Bruĝa Grupo, ni prezentas plej sincerajn kondolencojn, pro la morto de ilia kara patrino.

Ni eksciis pri la morto, la 24an de majo, de F-ino Estelle Dubois, el Bruselo. Ĉar ŝi estis ankoraŭ juna en nia movado, ni ne havis la plezuron ŝin multe koni. Ni tamen konservas la memoron de tre ĝentila persono. Al ŝiaj gepatroj kaj familianoj, Reĝa Belga Ligo Esperantista prezentas siajn tre sincerajn kondolencojn.

### *GRATULOJ*

Pro Reĝa Ordono, S-ro Roger Jaumotte promociis, ekde la 11a de junio, kaj iĝis rezerva subleŭtenanto. Niajn korajn gratulojn al la nova oficiro.

Plej sincerajn gratulojn al G-roj R. Balleux, gemembroj de « La Verda Stelo », okaze de la naskiĝo de nepino Linda (21an de majo 1952a).

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 100, rue General Lotz, Uccle-Bruselo.
*Vic-Prezidanto* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antverpeno.
*Generala Sekretario* : S-ro H. SIELENS, Houwerstraat, 12, Antverpeno.
*Sekretario* : S-ro Joseph SOYEUR, 91, rue du Chêne, Seraing.
*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

---

KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto-Asocio

| | A. | B. | C. |
|---|---|---|---|
| I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo: rajtigas ricevi la nacian gazeton « Belga Esperantisto » kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... . | 25,— | 50,— | 100,— |
| *Familia membro* (same, escepte la gazeton) ... ... ... | | | 50,— |
| II. *Membreco kun individua* aliĝo al la internacia organizaĵo : | | | |
| a) *Membro kun Jarlibro* : kiel simpla membro: ricevos krom la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... ... ... ... | 75,— | 100,— | 150,— |
| b) *Membro Abonanto* : kiel membro kun Jarlibro: ricevas krome la monatan internacian gazeton « Esperanto » ... | 165,— | 190,— | 240,— |
| c) *Membro Subtenanto* : kiel membro abonanto: pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... ... ... ... | 250,— | 275,— | 350,— |

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas almenaŭ 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

A. Kadetoj (ĝis 18 j.); B. Junuloj (ĝis 21 j.); C. (21 j. kaj pli).

---

## BELGA ESPERANTO-INSTITUTO Koopera Societo

*D-ro L. L. Zamenhof*, 1859-1917. *Aŭtoro de Esperanto.* — Reproduktaĵo sur poŝtkarto, de la bildo de nia Majstro pentrita kaj donacita al Internacia Esperanto-Muzeo, Wien, de artpentristo Ach. Bentos. Eldono « Esperanto », Oostenstr. 26, Antwerpen. Prezo : Fr. 1,—. La sama bildo estas havebla kiel vera fotografaĵo. Prezo : poŝtkartformato : Fr. 10,—; 24 x 30 cm., Fr. 65,—; 30 x 40 cm., Fr. 100.

Imp. Lielens, s. p. r. l., 18, rue de la Princesse, Bruxelles — Tél. : 21.10.98 — 21.87.90